


# INTERNACIA FERVOJISTO

2014.5



*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# DENOVE PRI NIA REVUO

Jam ekde kvar jaroj agadas la Redaktora Komisiono de IFEF. Ekde tiam ĉiujare aperis nia faka revuo „Internacia Fervojisto" laŭ la preskribo de la Statuto kaj Regularo de IFEF. Tio signifas, ke aperu pojare ses numeroj kun dudek paĝoj, la enhavo alĝustiĝu al la aktualaj fervojistaj Esperanto-okazaĵoj, kaj la revuo estu bonkvalita, enhavu nek gramatikajn, nek aliajn erarojn ktp.
Ni serĉis novajn presejojn, kaj momente ni trovis ege taŭgan presejon en Budapest. Tiu ĉi presejo entreprenis kolore presi la front- kaj lastan paĝojn de la revuo sen altigo de la preskosto.
Ĉiujare dum la IFEF-kongresoj la komitato rekonis la valoron de la revuo, kaj instigis la Redaktoran Komisionon je plua simila agado. En la lasta 66-a IFEF-kongreso la komitato akceptis proponon, ke – pro la reduktoj de la pres- kaj sendokostoj de la revuo -- ni devos malpliigi la ekzemplero-nombron de la papere eldonita revuo, kaj pliigi la nur elektronike eldonitan. Pro tio se iu landa asocio ekde la 1-a de januaro 2015 petas paperan version de IF, tiu asocio – laŭ la edonnombro – pagos jarkotizon 15 Eŭrojn po persone. Tiu landa asocio, kiu elektronike petas la IF-on, pagos la ĝis nun pagitan 9 Eŭrojn.
En ĉiu decembro mi faras kontrakton kun la presejo, en kiu ni difinas la eldonnombron kaj la prezon de la revuo por la sekva jaro. Tiel dumjare la presejo ne rajtas altigi la prezon. Por ke mi povu fari valoran kontrakton, mi petis la landajn asociojn ĝis la fino de novembro anonci la ekzemplero-nombron de la bezonata papera IF.
Krome grava temo: ni ŝatus popularigi la 67-a IFEF-kongreson, okazonta en ĉina urbo Kunming. Pro tio ni bezonas iomete detalajn artikolojn el Ĉinio pri la kongresurbo, kongresprogramo, kulturaj kaj ekskursaj programoj kaj lokoj ktp. En la sekvaj numeroj de IF ni kontinue aperigos tiujn artikolojn.

**István Gulyás**

## FRONTPAĜO:

**La prezidantino de IFEF traktas kun la membroj de la ĉina delegacio pri la programo de la 67-a IFK**

## ENHAVO:

# IMPRESOJ PRI LA 66-a IFK EN ITALIO

Invitite de la 66-a kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio, Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio sendis sian Fervojistan Esperanto-delegacion, konsistantan el kvin membroj: Han Zuwu, Wang Minhao, Xiao Ke, Zhang Lianjin kaj Song Ping al Italio por la kongreso, kiu okazis de la 17-a de majo ĝis la 23-a de majo kurantjare en la bela orienta marborda urbo de Italio San Benedetto del Tronto ĉe Adriatiko. Jen estas mia dua fojo viziti la belan landon Italio. Unuafoje mi vizitis la kongresurbon Triesto de Italio por la 62-a IFK en 2010. La vigleco de la tiea Esperanto-movado, aktiveco de la italaj esperantistoj kaj beleco de la lando forte impresis min ĝis nun.



*Kongresejo - Hotelo Calabresi*

Vespere la 16-an de majo ni atingis la urbon San Benedetto del Tronto, fluginte rekte de Beijing unue al Romo pli ol dek horojn, kaj poste ni veturis ĝis la kongresejo aŭtobuse. Sekvanta tago ni registriĝis kaj pagis la kotizojn por la kongreso en la halo de la hotelo Calabresi. Tiam ni salutante renkontiĝis kun multaj malnovaj kaj novaj geamikoj, Romano Bolognesi, honora prezidanto de IFEF, Vito Tornillo, sekretario de IFEF, kiu multe faris por niaj vizoj, István Gulyás, redaktoro de la organo “Internacia Fervojisto” de IFEF,

Laurent Vignaud, kasisto de IFEF, Rodica Todor, prezidantino de IFEF, Sylviane Lafargue, vicprezidantino de IFEF, Jindrich Tomisek, ĉefkomitatano de IFEF kaj aliaj. Ni intime brakumis kaj kisis unu la alian. La tuta halo pleniĝis de frateca kaj amikeca etosoj. Laŭ la kongreslibro en la ĉijara IFEF-kongreso partoprenis 130 personoj el 19 landoj. Estas menciinde, ke aperis novaj kongresanoj de Kubo kaj Israelo, kiuj estis bonvenigitaj de alilandaj kongresanoj.



*Ĉina fervojista Esperanto delegacio: de dekstre: Han Zuwu, Zhang Lianjin, Wang Minhao, Xiao Ke, Song Ping*

Vespere estis renkontiĝo inter nia delegacio kaj estraranoj de IFEF por diskuti pri la provizora programo de la venontjara 67-a IFK en Kunming, kaj iom da laboroj pri la kongreso en Ĉinio. Rodica kaj aliaj IFEF-estroj elmetis kelke da utilaj opinioj kaj proponoj pri la programo, fakprelegoj kaj ekskursoj. Mi promesis revizii la programon kaj konfirmi la interesitajn prelegojn antaŭ la fermo de tiu ĉi kongreso.

La solena inaŭguro okazis la 18-an de majo en la hotelo Calabresi. S-ro Vito Tornillo gvidis la inaŭguron. Sur la podio sidis de maldekstre la prezidanto de la Provinca Komerca Konfederacio s-ro Fausto Calabresi, honorprezidanto s-ro Romano Bolognesi, la urbestro s-ro Giovanni Gaspari, komitatano A de UEA s-ro Renato Corsetti, UEA-ĝenerala sekretario s-rino Barbara Pietrzak, IFEF-prezidantino s-rino Rodica Todor. Ili donis al la kongreso salutvortojn, poste la kongreson salutis la

reprezentantoj de diversaj landoj sinsekve. Nome de la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio kaj Profesia Arta Kolegio de Kunming mi, kiel la prezidanto de ĈFEA - esprimante du sencojn “gratulo” kaj “alvoko”-salutis al ĉiuj kongresanoj kaj deziris al la kongreso plenan sukceson. Krome mi sincere invitis ĉiujn ĉeestantojn kaj iliajn familianojn, geamikojn, kaj fervojistojn, kaj nefervojistojn al Ĉinio por la venontjara IFK okazonta en la printempa urbo Kunming, provinco Yunnan, por rigardi propraokule la antikvan kaj modernan, evoluantan, reforman kaj malferman Ĉinion, por sperti la grandrapidajn trajnojn de Ĉinio, por koni pri la kulturoj, kutimoj kaj folkloroj de minoritatoj en Ĉinio. Post la parolado mi donacis al la kongreso la belan delikatan metiartaĵon--ĉinan porcelanan pleton kun la kongresa emblemo faritan en la fama ĉina porcelana hejmloko Jingdezhen. Pro tio ĉeestantoj de la halo aplaŭdis.


*Han Zuwu kaj Vito Tornillo en la inaŭguro*

En la kongresprogramo estis “la venontkongreso sin prezentas” la pli grava programero por ni, organizanto de la 67-a IFK. En la komenco de la kunveno s-ro Wang Minhao eklogis la ĉeestantojn per interesaj fluaj vortoj fari sinprezenton, poste li prezentis pri la venontjara kongreso, montrante la lumbildojn pri la provinco Yunnan, kongresurbo Kunming kaj Profesia Arta Kolegio de Kunming. Lia prezentado interesigis la diverslandajn kongresanojn. Li ankaŭ respondis la demandojn pri la veturiloj, fluglinioj al Ĉinio kaj postkongresa ekskurso.




*Flagtransdono de Italio al Ĉinio*

La solena fermo okazis posttagmeze la 22-an de majo. En ĝi la IFEF-flago estis transdonita de la manoj de s-ro Vito Tornillo, la prezidanto de LKK de Italio al miaj manoj kaj la manoj de s-ro Wang Ruixiang, la vicprezidanto kaj ĝenerala sekretario de la Ĉina Esperanto-Ligo. Ni kune prenis la flagon, tio signifas, ke la glora kaj peza tasko falis kaj sur la ĉinajn fervojistojn, kaj sur ĉiujn ĉinajn esperantistojn. Ni devas tutenergie kaj unuanime plenumi la sanktan kaj gloran mision kaj honorigi la ĉinan esperantistaron sur la internacia scenejo de la Esperanto-movado.

Dum la kongreso okazis nepublika komitatkunsido, IFEF-plenkunsido, terminara komisiono, fervojaj fakprelegoj, fervojaj novaĵoj, diversaj vesperoj interkona kaj muzikaj: Grazia Barboni prezentis kanzonojn de Fabrizio De Andre, napolajn melodiojn, romantikan muzikon de Manŭel, italan muzikon de la 60-70-aj jaroj, grup-dancojn de la danc-lernejo"Jeune etoile", popolan muzikon per akordiono kaj gurdon kun dancoj kaj koruskantoj de la Folklora Grupo "Circolo Anziani Nereto 2001" ktp.



*Song Ping kantas en la muzika vespero*

Estas ĝojinde, ke juna instruisto s-ro Song Ping honorigis la ĉinan delegacion per siaj italaj popolkantoj en la itala lingvo. Lia kantado mirigis ĉiujn aŭskultantojn en iu vespero. Eĉ liaj kantoj riĉigis la solenan fermon de la kongreso.

**Han Zuwu**



# PROTOKOLO PRI LA PUBLIKA KOMITATKUNSIDO

## en la 66-a IFEF-kongreso en San Benedetto del Tronto (IT) 20.05.2014

Mallongigoj: Pr = prezidanto, Vp = vicprezidanto, Sk = sekretario, Ks = kasisto, Rd = redaktoro, e-o = estraro, Ĉk = ĉefkomitatano, IF = Internacia Fervojisto, FK = Faka Komisiono, TS = Terminara Sekcio, FAS = Fake Aplika Sekcio, k-o = komitato, k-ano = komitatano, kk-ano = kromkomitatano, k-go = kolego, Hm = honora membro, Hp = honora prezidanto, l.a. = landa(j) asocio(j). (Landkodoj duliteraj, laŭ normo ISO 3166)
NB: **Ĉiuj raportoj aperis aŭ aperos en Internacia Fervojisto**

### 1. Malfermo, konstato de la mandatoj

La Pr-ino Rodica Todor malfermas la kunsidon, salutas kaj bonvenigas la ĉeestantojn.

| Ĉeestas la estraranoj: | | | |
|---|---|---|---|
| | Pr-ino | Rodica Todor | (RO) |
| | Vp-ino | Sylviane Lafargue | (FR) |
| | Sk | Vito Tornillo | (IT) |
| | Ks | Laurent Vignaud | (FR) |
| | Rd | István Gulyás | (HU) |

La Sk laŭstatute alvokas la rajtigitojn kaj listkalkulas la ĉeestantojn:

| **Lando** | **Kodo** | **Komitatano** |
|---|---|---|
| **Aŭstrio** | **AT** | **Martin STUPPNIG** |
| **Belgio** | **BE** | **Clara BRACKE** |
| **Bulgario** | **BG** | **Iskra KOPCHEVA** |
| **Ĉeĥio** | **CZ** | **Jindřich TOMÍŠEK** |
| **Ĉinio** | **CN** | **Han ZUWU** |
| **Danio** | **DK** | **Jan U. NIEMANN** |
| **Francio** | **FR** | **Christian DARDENNE** |
| **Germanio** | **DE** | **Achim MEINEL** |
| **Hispanio** | **ES** | **Adela GOMILA** |
| **Hungario** | **HU** | **István SUTKA** |
| **Italio** | **IT** | **Romano BOLOGNESI** |
| **Kroatio** | **HR** | **Zlatko HINŠT** |
| **Kubo** | **CU** | **Miguel Angel GONZALES** |
| **Pollando** | **PL** | **Wieslaw LIBNER** |
| **Rumanio** | **RO** | **Florin NEGREA** |
| **Ĉeestas 15 voĉdonrajtaj k-anoj el 15 landoj.** | | |

## 2. Ricevitaj telegramoj, leteroj

La Ĉk legas mesaĝon de Maritza Gutiérrez G. el Radio Havano Kubo. Ankaŭ mesaĝon ricevitan el Asocio de esperantistoj-handikapuloj li legas.
Sk transdonas saluton de Marica Brletić (HR) .
Saluton de Jovan Mirkoviĉ (SL).
Saluton de János Patay (HU) transdonas Rd.

## 3. Honorigo al la mortintoj

La Sk legas la nomojn de la mortintoj, pri kiuj oni eksciis de la 65-a IFK-Artigues-près-Bordeaux 2013 ĝis la 66-a IFK-San Benedetto 2014. Oni honorigas ilin per unuminuta silenta ekstaro; ili ripozu pace.

| Lando | Antaŭnomo | Familia nomo | Naskdato | Mortdato | Aĝo |
|---|---|---|---|---|---|
| **Hungario** | **József** | **Cziboly** | **1936** | **2013** | **77** |
| **Hungario** | **József** | **Kaptai** | **1923** | **2013** | **90** |
| **Hungario** | **Zsuzsanna** | **Kapcsándi** | **1941** | **2013** | **72** |
| **Hungario** | **Károly** | **Ködmön** | **1933** | **2013** | **80** |
| **Italio** | **Clara** | **Cairoli-Gubbioli** | **1920** | **2013** | **93** |
| **Japanio** | **Hirosi** | **Tatumi** | **1927** | **2013** | **86** |
| **Kroatio** | **Ružica** | **Bencarić** | **1928** | **2013** | **85** |
| **Svisio** | **Gertrud** | **Eggenberger** | **1925** | **2014** | **89** |

### 4. Estraranaj raportoj

#### 4.1. Sekretario

Raporton legas la Sk. Neniu faras demandon, nek rimarkon. Unuanime aprobita.

#### 4.2. Redaktoro

La Rd legas raporton. Neniu demando, nek rimarko. Unuanime aprobita.

#### 4.3. Kasisto

La Ks informas, ke raporto aperis en Internacia Fervojisto numero 2.2014. Unuanime aprobita.

### 5. Protokoloj de la 65-a IFK Artigues-près-Bordeaux (FR)

Unuanime aprobitaj.

### 6. Raporto de la ĉefkomitatano

La Ĉk legas la raporton. Neniu demando, nek rimarko. Unuanime aprobita.

**7. Kongresproponoj**

La Sk legas la unuan kongresproponon pri minimuma membronombro de landa asocio (5 pers.) Diskuto okazas. Ekstere gravas agoj, ne nepre nombro. Voĉdono okazas: unu sindeteno, do la kongrespropono estas akceptita. Rilate la temon, la Komitato establis Komisionon por modifi la Statuton kaj la Regularon. La gvidanto de la Komisiono estas Romano Bolognesi, la membroj de la Komisiono estas Jan Niemann, Vito Tornillo, Christian Dardenne, Monique Grall, Rodica Todor. Jan Niemann proponas sin por esplori la preskribon kaj leĝon en Danio. Unuanime aprobita.

Poste la Sk legas la duan kongresproponon pri nombro de estraranoj kaj membrigo de la gvidanto de la Faka Komisiono en la estraron. Propono estas prokrastita ĝis 2016 post la renovigo de la Statuto kaj la Regularo de IFEF. En la jaro 2016 okazos la sekva estrarelekto. Unuanime aprobita.

Diskuto okazas pri propono de starigo de 2 malsamaj kotizoj: 9 eŭroj kun reta sendo de la bulteno, 15 eŭroj kun papera sendo. Voĉdono: neniu kontraŭ, unu sindeteno. Propono akceptita.

**8. Raportoj de la Faka Komisiono (FK)**

**8.1 Gvidanto**

Jan Niemann anoncas, ke ĵus aperis la FervojFaka Kajero n-ro 22.

**8.2 Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)**

La Sk de FAS legas la raporton. Unuanime aprobita.

**8.3 Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)**

La Sk de TS legas la raporton. Unuanime aprobita.

**9. Raportoj de la komisiitoj**

**9.1 Komitatano „A" de IFEF ĉe UEA**

La Vp-ino legas la raporton. Unuanime aprobita.

**10. Resumo de la jarraportoj 2013 el la landaj asocioj**

La Vp-ino legas la raporton kaj informas, ke la raporto aperos en nia faka revuo "Internacia Fervojisto". Unuanime aprobita.

**11. Analizo pri la situacio kaj la estonto de IFEF**

La situacio de IFEF ne estas tiel bona, sed se oni rigardas la agadojn pritraktitajn en la laborplano de IFEF, oni povas doni novan esperon al la Federacio.

La temo estis traktata en diversaj okazoj, ĝi rilatas al la principoj de la nova strategia laborplano prezentita de nia Pr-ino, de Jan Niemann kaj Heinz Hoffmann. Kion konkrete ni povu fari pri nia estonteco?

La raportoj jam estis senditaj al multaj membroj kaj komitatanoj. La Pr-ino proponas establi ses laborgrupojn (instruado, eksteraj rilatoj, internaj temoj, historio, informado, financado). La laborgrupoj kaj interesitoj klopodos aktualigi la novan strategian laborplanon.

**12. Buĝeto 2015, kaj kotizkonfirmo**

Pri kotizo jam okazis diskuto. Buĝeto unuanime aprobita.

**13. Rilatoj al aliaj organizoj: UEA, FISAIC, ILEI, SAT, UMEA, ISAE**

**13.1 UEA**

La Vp-ino informas pri bonaj rilatoj kun UEA.

**13.2 FISAIC**

La rilatoj kun FISAIC estas malklaraj. Achim Meinel parte raportas pri FISAIC-kunsido okazinta en Baden.

**13.3 SAT – ILEI – UMEA – ISAE**

La Pr-ino kontaktis la novan ILEI-prezidantinon Mireille Grosjean, la rilatoj estas normalaj.

Ŝi ankoraŭ ne kontaktiĝis kun la nova ISAE-prezidanto José Antonio Vergara.

SAT: daŭre invitas la Pr-inon al siaj kongresoj.

UMEA: nova estraro. La Rd ricevis inviton al la kongreso en Hungario en julio.

**14. Venontaj kongresoj**

**14.1 Konfirmo de invito al la 67-a IFK en 2015**

ĈFEA prezentas la proponitan urbon Kunming, de la 16-a ĝis la 23-a de majo 2015. Unuanime aprobita.

**14.2 Elekto de lando por la 68-a IFK en 2016**

Metodi Markov proponas Bulgarion, kiel kongreslandon en 2016. Unuanime aprobita.

**14.3 Diskuto pri pluaj eblecoj**

Sekva kongreso okazos eble en Kubo.

**15. Eventualaĵoj**

Neniu petas parolon.

**16. Libera diskutado**

Nenio.

Manke de aliaj intervenoj, la Pr-ino fermas la kunsidon.

La sekretario
**Vito Tornillo**

# SPECIALA RENKONTIĜO EN NEPALO

Nepalaj esperantistoj organizis tre sukcesan “Specialan Renkontiĝon” de la 6-a ĝis la 17-a de marto 2014. Partoprenis ĝin ne nur nepalanoj, sed ankaŭ 17 gastoj el Ĉinio kaj eŭropanoj el Belgio, Bulgario, Danio, Francio, Pollando kaj Svislando. La aventuro komenciĝis en la ĉefurbo Katmanduo. La akcepto estis varma, laŭ nepala kutimo oni tuj post la alveno ornamis nin per florkolĉenoj. Post la enhoteliĝo en la komerca kvartalo *Thamel* en hotelo *Marshyangdi* ni iom promenis akompane de nepalaj esperantistoj tra urbaj stratoj plenaj je turistoj.




La sekvan tagon ni vizitis lokajn vidindaĵojn: hindan templon *Pashupatinath* kaj budhan stupaon *Boudhanath*. En la proksima urbo *Patan* ni promenis kaj admiris artaĵojn faritajn el ligno. Elstaras tie la Kriŝna templo. Vespere okazis interkonatiĝo kun nepalaj samideanoj. La prezidantino de la Nepala Esperanto-Asocio (NEspA) Indu Devi Thapaliya, Mukunda Raj Pathik kaj aliaj membroj post solenaj paroladoj malfermis la eventon. Ĉeestis ankaŭ reprezentantoj el la orienta parto de Nepalo familio Pokhrel, kies ĉarma 13-jara filo bonege parolis Esperanton.

Sabate la 8-an de marto ni vojaĝis al la nacia parko *Chitwan* - Koro de ĝangalo. Unue ni pirogumis kaj poste ni vizitis elefantfarmon kaj rajdis elefantojn. Ni estis bonŝancaj vidi deproksime rinocerojn kaj aliajn bestojn. En la parko troviĝas simioj, cervoj, aproj, multaj specoj de birdoj, krokodiloj kaj onidire eĉ tigroj, kiujn ni feliĉe ne renkontis. Impresis grandegaj termitejoj. Post la reveno okazis kelkaj prelegoj: pri la Esperanto-instruado laŭ la metodo BEK rakontis Peter Wraae el Danio. Arie Bouman el Belgio prezentis bildojn el Islando kaj parolis pri siaj spertoj dum la 98-a UK en Rejkjaviko. La sekvan vesperon ni spektis tre belan folkloran programon de popolaj indiĝenaj dancoj.

En la urbo *Lumbini* ni vizitis la naskiĝlokon de Budho. Ni admiris *Maya Devi* templon kaj ankaŭ aliajn vidindaĵojn. En *Palpa* ni tranoktis. En la urbo *Pokhara* renkontis nin loka esperantisto Himalal Parajuli kaj pretigis por ni la jenan programon: matene ni per malgranda boato navigis sur la *Phewa* lago ĝis insuleto, kie troviĝas hinda *Barahi* templo. Sinsekve ni vizitis *Binhdabasini* templon, *Mahendra* kavernon kaj *Seti* gorĝon. Post la tagmanĝo ni vizitis la Internacian Himalajan Muzeon kaj poste ni ekskursis al la pagodo de Paco. Fine de la tago ni ankoraŭ sukcesis vidi *Davis* akvofalon. Vespere ni povis ĝui hotelan dancprogramon. Sekvan matenon ni ellitiĝis tre frue kaj veturis al la montara vilaĝeto *Sarangkot* spekti sunleviĝon kaj vidi la Annapurna montaron. Poste ni havis liberan tempon por promenado aŭ aĉetado. Posttagmeze okazis serio da prelegoj. Peter el Danio prelegis pri la dana filozofo "Martinus", Eduard Kusters el Belgio pri la "Belga kompromiso", Pierre Bouvier el Francio klarigis, kial Esperanto estas pli simpla kaj efika ol baza angla lingvo. Barbara Pochanke el Svislando prezentis sian Esperanto-karieron kaj ĉe la fino Roman Dobrzynski el Pollando montris ege interesan filmon pri Oomoto, kiun li mem reĝisoris kaj produktis. Post solenaj paroladoj la vespero finiĝis per komuna vesper-manĝo.



*Nepala virino tamburas*

Sabate la 15-an de marto ni forveturis al Katmanduo kaj vespere ni ĉiuj estis invititaj al solena geedziĝa festo. S-ro Parashar Rijl edzigis sian filon. Ni ĝuis belan festadon kun viva muziko kaj bongusta manĝo. Dimanĉe en Nepalo okazis festo de koloroj - *Holi*. Dum ĝi homoj, sed ĉefe gejunuloj, kolorigas siajn kaj aliulajn vizaĝojn kaj vestaĵojn. Ankaŭ ni ne eskapis tiun eventon kaj estante farbitaj ni promenis inter homamaso. Matene ni vizitis religian ensemblon *Swayambhunath*, kiu troviĝas sur arbokovrita monteto. Ĝi estas konata kiel templo de simioj, kaj vere ili kuris ĉie samkiel en

*Pashupatinath*. Ĉi-foje la tagmanĝon pretigis volontuloj en la sidejo de NEspA. Ni ĝoje babilis, kantis kaj dancis. Ankaŭ dum la adiaŭa vespero ni bone amuziĝis. Nepalanoj al ĉiuj donacis tipan ĉapon *topi,* ŝalon kaj monujon. Maja Gorova el Bulgario prezentis sian landon kaj ĝian kulturon. Ilse Jacques el Belgio dankis al ĉiuj pro la bela renkontiĝo, kiun ŝi povis preskaŭ tute partopreni malgraŭ sia paŝproblemo.
La Speciala Renkontiĝo 2014 sub la gvido de Bharat K. Ghimire estis tre sukcesa, ĉiuj estis ravitaj. Ni kore dankas al la organizantoj de tiu unika evento kaj gratulas ilin pro la iniciato organizi tiun-ĉi specan aranĝon. Mi esperas, ke la movado en Nepalo daŭre floros kaj plifortiĝos. Sukceson al vi!

**Liba Gabalda**

# Faka komisiono de IFEF.
# Raporto pri agado de Fake Aplika Sekcio de FK IFEF en periodo 2013/2014.

**Internaj aferoj**:

Dum la pasinta jaro okazis en junio jam tradicia ekspozicio Czech Raildays dediĉita al fervoja industrio en Ĉeĥa Respubliko. Okaze de tiu ĉi evento renkontiĝis tie kelkaj niaj membroj por konatiĝi kun nova tekniko prezentita de enlandaj kaj eksterlandaj firmaoj. S-ro Nosek faris memor-koverton kaj bildkarton okaze de ĉi tiu renkontiĝo.
La 16-an de januaro 2014 okazis ekskurso de niaj kolegoj en trafikcentro de la Universitato Pardubice, organizita de Inĝ Jaroslav Matuška. La viziton partoprenis kvar ĉeĥaj kolegoj - esperantistoj.
S-ro Tomíšek daŭre preparas kolekton de tradukaĵoj el diversaj fervojaj gazetoj – El fervoja mondo. Korektojn faras D-ro Hoffmann. Bedaŭrinde s-ro Filip, kiu pasintjare mortis, plu ne plenumas grafikan laboron.
Mi komencis elektronikan arkivadon de fakaj prelegoj prezentitaj dum IF kongresoj. La kolekto ne estas ankoraŭ preta.
Dum kunvenoj de Ĉeĥa fervojista grupo estis prezentitaj la plej interesaj prelegoj el 65-a kongreso en Artigues pres Bordeaux.

**FervojFakaj Kajeroj:**

Ĉijare estas disponebla la 22-a numero de FervojFakaj Kajeroj, kiu enhavas 4 artikolojn prezentitajn dum la kongreso en Artigues pres Bordeaux:
M.Lafosse: Prezentado de la tekniko APS de la tramvojo de Bordeaux
R.Combes: La viadukto Viaduc des Fades .. centjara majstro-verko de inĝeniera arto
J.Tomíšek: Duonjarcento de instituto VÚŽ Velim
L.Kovář: Alikonstruo de stacio Ústí nad Orlicí
Dankon al ĉiuj, kiuj meritas eldonon de la nunjara FFK 22. Korektadon de la nunjara numero ni faris per siaj propraj fortoj – H. Hoffmann, Lene kaj Jan Niemann kaj mi. S-ro Galkin, kiu faris tion antaŭe translokiĝis en Usonon.

**Faka programo dum la 66-a IFEF kongreso:**

Italaj kolegoj preparis por la nunjara kongreso du *ĉefajn prelegojn*:
„La nova Bolonja stacio por grandrapida trafiko“, kaj
„Novaj veturiloj Freccia Rossa ETR 1000*“*

*Prelegetoj:*
J. kaj L. Niemann: „Nova kopenhaga stacio Nørreport“
J.Matuška, L.Hakl: „Longdistanca regulado de fervoj-trafiko en Ĉeĥa respubliko“
Z.Hinšt: „Trafika efikeco de fevojoj en Eŭropo kaj en la mondo – ekzemplo de la jaro 2012“
L. Gabalda: „Raporto el Japanio de Hori Josuo“
W. Liebner: „Fervojoj de granda rapido en Pollando“
L. Kovář: „Novaj trajnoj por pasaĝertrafiko en Ĉeĥio“

**Faka programo dum 99-a UK 2014 en Bonaero, Argentino:**
Verŝajne neniu partoprenos el IFEF.

**Antaŭviditaj okazoj en la jaro 2014:**
Fervoja foiro - Czech Raildays Ostrava 17- 19. 06. 2014
Innotrans Berlin 23 – 26. 09. 2014.

**Ladislav Kovář**

# Raporto de la sekretario de Terminara Sekcio

## (en la 66-a IFK 2014 en San Benedetto del Tronto)

Dum la pasintaj 12 monatoj nia ĉefa laboro estis finsolvi tradukadon de pli ol 500 nocioj, kiujn la UIC (Internacia Fervojunio) en 2012 nove enigis en sian terminaron. Nun mi povas konstati, ke vere ĉiuj ĉirkaŭ 11 mil nocioj en tiu grandampleksa terminaro havas Esperanto-terminon. La nombro de difintekstoj tradukitaj en Esperanton atingis 2064. Neniu alia lingvo – ekster angla, franca kaj germana – havas tiom da tradukitaj terminoj kaj difinoj.

Por niaj kunlaborantoj aperis 2 numeroj de la Terminara Kuriero kun 12 interesaj taskoj.

Granda parto de mia terminara laboro estis kaj estas revizioj de faktekstoj – kaj por Fervojfakaj Kajeroj kaj por la regula artikolserio de Jindrich Tomíŝek „El fervoja mondo”.

Laste jen grava evento:

En oktobro 2013 okazis kunsido de UIC-Terminologia Grupo kun mia partopreno en Frankfurto ĉe Majno. Entute ĉeestis 16 personoj el 12 eŭropaj landoj. Kolegino Rosalinde Taucher de UIC petis min prezenti prelegeton pri „*Esperanto en RailLexic*”.

Tie mi esprimis nian ĝojon, ke ni ekde pli ol 20 jaroj povas terminologie kunlabori kun samaj rajtoj kaj devoj. Mi parolis pri niaj koncernaj motivoj por daŭra pluevoluigo de Esperanto-faklingvo. Post skizo de nia labormetodo kaj de kvanto da rezulto mi prezentis per projekciilo du ekzemplojn de prilaboritaj nocioj, montrante Terminaran Kurieron, kaj la koncernajn paĝojn en la terminaro RailLexic.

Mi konstatis, ke la partoprenantoj plene respektas nian fakan laboron. Do tre bona reputacio.

UIC promesis, ke en 2014 finfine aperos reta versio de RailLexic, abonebla de ĉiuj interesatoj. La abonprezo estos ne tiom alta kiel tiu de CD-ROM-disko. Eventuale eĉ eblos 7-taga senpaga rigardo. La CD-ROM-enhavo estos vendata ne plu kiel disko, sed kiel reta deŝargado.

**Heinz Hoffmann**

# Fervojo en Libio

Italio ludas gravan rolon en la historio de libia fervojo tra la tuta ĝisnuna periodo. En 1912-14 la reĝolando Italio (Libio estis siatempe itala kolonio) konstruis plurajn fervojliniojn, ĉiujn kun armea celo. La 950 mm-ŝpura reto - kun centro en *Tripoli* - ekfunkciiis en 1912. Ĝi donis eblecon veturi al *Zuwara* (okcidenten), *Tajura/Tarhuna* (orienten) kaj *Garyan* (suden).

Inter 1911 kaj 1927 estis konstruitaj pluraj fervojlinioj ĉirkaŭ *Bengazi*: al urboj nordorienten kaj sudorienten. Ili estis dekomence 750 mm-ŝpuraj, poste iĝis 950 mm-ŝpuraj.

En 1941 oni komencis konstrui fervojlinion inter *Tripoli* kaj *Bengazi*, sed la malvenko de Italio en la Dua Mondmilito ĉesigis tion. Dum la Dua Mondmilito oni konstruis ankaŭ 40 km-jn da itinero de *Marj* en la direkto de *Derma*. Tiu linio ĉesis funkcii kiel la lasta en la lando en 1965.




Ekzistis ankaŭ 125 km-j da fervojo en Libio kiel parto de la normalŝpura *Western Desert Extension* (WDE), kiu estis konstruita dum la Dua Mondmilito. Ĝi estis uzata por la defendo de la alianciĝantoj. Post la ĉeso en 1946 oni forprenis la relojn de la parto en Libio, dum daŭre ekzistas porokaza vartrafiko sur la egipta parto de WDE.

Jam antaŭlonge Libio deziris plenumi sian parton de la Nordafrika Ligo (fervoja) inter Tunizio kaj Egiptio, kaj en 1973 la gvidanto de Libio *Muammar Ghadaffi* subskribis la planon pri la unua parto de tio, 180 km-j da fervojlinio, sed pro la embargo kontraŭ Libio tiu plano neniam

efektiviĝis.
Sed en 1998 oni denove komencis pripensi kaj plani konstruon de tiu sufiĉe granda projekto: 3.170 km-j da normalŝpura fervojo, kiu laŭlonge de la marbordo estu tiu parto de linio, kiu mankas en la Nordafrika Ligo inter Tunizio kaj Egiptio. La parto de la linio al Tunesio (*Raz-Ajdir – Tripoli – Sirte)* estis planata je ekfunkcio en 2009, kaj la linio *Sirte - Khoms* estu preta en 2013 (konstruita de *China Railway Construction Co.*).
Alia linio, 800 km-j de la fera minejo proksime al *Sabha* al la haveno en *Misrata* estu preta en 2012.
La tria projekto estis 554 km-j da linio de *Sirte* a*l Bengazi*. En 2008 la laboro komenciĝis. *Ansaldo STS* kaj *Selox Communications* prizorgas signalilojn, biletsistemojn, sekurecon, telekomunikadon ks. Same tiuj du entreprenoj laboris pri diversaj taskoj ĉe la aliaj linioj.



La rolo de la ĉina kaj rusa entre-prenoj, kiuj konst-ruas la liniojn laŭ la kontraktoj, ĉesos je la finfaro de la linioj. Pri personaro estas alia afero. Oni faris kontrakton kun la germana *DB International* pri konsultaj servoj tiurilate – funkcio, ekspluato, trajnado – Libio ja ne havas spertojn en tiu tereno, kaj ankaŭ laŭ plano estis ekfunkcio fine de 2012, ne la tuta reto kaj ne ’plena horaro’, sed komenco.
Pri trajnotaŭga veturilaro en 2007 oni faris kontrakton kun usona *General Electric* (GE) pri liverado de 56 dizellokomotivoj. 40 el ili oni transdonis al la Egipta Fervojo kiel donacon de la libia popolo, la 16 ceteraj estis pretaj jam en 2010 en la haveno *Al Khums.* GE prizorgas ankaŭ trejnadon de personaro, kiu kondukas tiujn lokomotivojn.
Ankaŭ de *AnsaldoBreda* oni ricevis veturilojn, ĉar la itala ĉefministro donacis motorvagon-kombinaĵon *IC4* al sia amiko *Muammar Ghadaffi* en 2008, je la datreveno de la Amikeckontrakto inter la du popoloj, Per tiaspecaj veturiloj oni intencis funkciigi ankaŭ la pasaĝertrafikon. Tiu vagonkombinaĵo staras nun ’ie en la dezerto’ kaj atendas fervojreton.
La libia enlanda milito ĉesigis ĉion rilate fervojkonstruon.

Kompilis: **Lene Niemann**

# Sanriku-Fervojo refunkciis

Ĝoja novaĵo estas la refunkciigo de Sanriku-Fervojo. Ĝi havas du liniojn Nord-Liasa Linio kaj Sud-Liasa Linio. La cunamo detruis stacidomojn, relojn kaj fervojajn pontojn de ambaŭ linioj, entute 317 lokoj estis difektitaj. Ĉiuj funkciuloj de la kompanio estis en granda malespero. Multaj antaŭvidis la morton de la linioj, sed la prezidanto de la kompanio s-ro Moĉizuki Masahiko sen-hezite deklaris: „Post 5 tagoj ni veturigu trajnon, kie tio eblas, kaj senpage! Kaj ni refunkciigu ambaŭ liniojn plej bal-daŭ !»




Tamen por ripari la liniojn, oni bezonis 10,8 miliardojn da Enoj (108 milionojn da Eŭroj). La urboj laŭ la linioj, la gubernio Iŭate kaj multaj homoj postulis de la registaro helpon al Sanriku-Fervojo, kaj tiu movado sukcesis. S-ro Moĉizuki Masahiko, la prezidanto, diras: “Kiam ni veturigis trajnon 5 tagojn post la cunama atako, multaj loĝantoj larme dankis al ni. Tiu dankemo antaŭenpuŝis nin. Ne ekzistis urboj en Japanio, kiuj prosperis post perdo de la fervojo. Loĝantoj kaj koncernataj komunumoj devas klopodi varti fervojon”. La 5-an de aprilo inter la stacioj Kamaiŝi kaj Joŝihama (36,6 kilometroj) kaj la 6-an de aprilo inter la stacioj Tanohata kaj Omoto (10,5 kilometroj) trajnoj ekveturis. Dank' al la helpo de Kuvajto 8 modernaj vagonoj estis nove enkondukitaj. Mi apartenas al grupo, kiu subtenas la 104 geknabojn de la urbeto Tooni, kiu situas inter Kamaiŝi kaj Joŝihama. Por celebri la refunkciigon de la trajno, vilaĝanoj kaj lernantoj de Tooni kolektiĝis antaŭ la stacidomo kaj prezentis tradi-ciajn spektaklojn, dancojn kaj kantojn. Antaŭ la katastrofo mi ne-niam vizitis tiun marbordan regionon. Mi ne havis intereson pri tiuj

fervojaj linioj, sed poste mi jam vojaĝis kelkajn fojojn laŭ ambaŭ




linioj kaj ĝuis belajn pejzaĝojn tra la fenestro. En marto okazis piedvojaĝo tra la tunelo Kuŭadai najbare de la stacio Tooni, kie haltis trajno, kiam okazis la tertremo. Poste loĝantoj uzis la relvojon kiel rifuĝvojon, ĉar vojoj laŭ la marbordo estis detruitaj de la cunamo aŭ blokitaj de rubaĵoj transportitaj de la cunamaj ondegoj. Por rememorigi tiun sperton, la kompanio organizis la piedvojaĝon, en kiu mi partoprenis. Do la refunkciigo de la linioj estas ankaŭ mia ĝojego. Tamen oni ne povas simple ĝoji, ĉar teni la fervojon estos tre malfacile. La urboj kaj vilaĝoj laŭ la linioj estas multe damaĝitaj, kaj multaj loĝantoj jam rezignis reloĝi en sia hejmurbo, do tio signifas malmultiĝon de pasaĝeroj. La baza politiko




de la registaro kaj la grandaj fervojaj kompanioj estas anstataŭigi neprofitajn trajnliniojn per busservo. Jam Orienta Japana-Relo rezignis refunkciigi la difektitan linion Oofunato sude de Sud-Liasa Linio, kaj sur la pavimita relvojo nun kuras busoj. Inter du Liasa linioj estas linio Jamada, kiun Orienta Japana Relo ne volas ripari, sed vendi al Sanriku-Fervojo, ĉar ĝi antaŭvidis malprofiton el tiu linio.

**Hori Jasuo**
(Japanio)

INTERNACIA FERVOJISTO
64-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

Prezidanto: Rodica Todor (Rumanio)
rodica_todor@yahoo.com

Vicpr: Sylviane Lafargue (Francio)
sylviane.lafargue@dbmail.com

Sekretario: Vito Tornillo (Italio)
vitorni@virgilio.it

Kasisto: Laurent Vignaud (Francio)
laurent.vignaud@free.fr

Redaktora Komisiono:
Gvidanto: István Gulyás (Hungario)
istvan.gulyas@hdsnet.hu
Membroj: J. Patay, J. Ripoche

Franca poŝtĉekkonto:
Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud"
9 293 74 Y NANTES
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo:PSSTFRPPNTE

UEA-konto: iffk-o

Apermonatoj:
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro

Redaktofino:
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato
ISSN 0230-323x
www.ifef.net

Faka Komisiono:
GV: Jan Niemann
niemann@kabelmail.dk
SK: D-ro Heinz Hoffmann
hoffmann-ifef@cablemail.de
SK: Inĝ Ladislav Kovař
kovar.lad@email.cz

## NASKIĜDATREVENOJ

**La 13.03.2014 s-ino**
**Elfriede KRUSE**
festis sian **100**-an naskiĝdatrevenon.
En la jaro 1980 ŝi estis nomumita Honora Membro de IFEF.

**La 08.09. 2014 s-ro**
**Lucien De SUTTER**
festos sian **90-**an naskiĝdatrevenon.
En la jaro 1997 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.

**La 01.10.2014 s-ro**
**Ernst GLATTLI**
festos sian **90**-an naskiĝdatrevenon.
En la jaro 2001 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.

**La 18.02.2014 s-ro**
**János PATAY**
festis sian **85**-an naskiĝdatrevenon.
En la jaro 2000 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.

**La 30.08.2014 s-ro**
**István GULYÁS**
festos sian **80**-an naskiĝdatrevenon.
En la jaro 2009 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.

**La 15.01.2014 s-ro**
**Heinz HOFFMANN**
festis sian **75-**an naskiĝdatrevenon.
En la jaro 2010 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.

**Koran dankon por ilia plurjardeka rezultohava kaj grava laboro!**